# INTERNACIA ĴURNALISTO

JARO V. SOFIA — BULGARIO
JANUARO - FEBRUARO 1961, № 1



ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


## AL FRUKTODONA HELPO

La grandskala programo de UNESKO por aktiva helpo al la disvastigo kaj plibonigo de la rimedoj de informado en la postrestintaj landoj en Azio, Sud-Ameriko kaj Afriko efektivigis vicon da konferencoj.

Tiaj konferencoj jam okazis dum 1960 jaro en Sudorienta Azio kaj dum 1961 jaro en Santiago, Ĉilio, en Sudamerika kontinento, organizitaj laŭ la iniciato de l'Ekonomia Komisiono ĉe UNESKO. La rezultoj estas grandaj kaj la akceptitaj rezolucioj antaŭvidas riĉan helpprogramon por la menciitaj regionoj de la terglobo.

La tria analogia konferenco, kiun UNESKO intencas okazigi dum 1962 jaro en Adis-Abeba por la landoj de la Afrika kontinento, havas preskaŭ la samajn celojn kaj taskojn.

La kondiĉoj en la novliberigintaj kaj postrestinaj afrikaj landoj tamen estas iom pli malsamaj ol tiuj en Sud-Ameriko, eĉ ol tiuj en Sudorienta Azio. La plibonigo kaj la disvolvigo de la rimedoj de informado speciale en la afrikaj landoj ekludos gravegan rolon ankaŭ por la edukado de ties popoloj kaj por ĝia ekonomia prospero. Ĉar la unua plej grava tasko nun estas apogi tiujn ĉi landojn por ke ili atingu en reduktitaj templimoj la ekonomian nivelon de la popoloj jam depost jarcentoj disvolviĝintaj. Samtempe, la disvolvigo de la informiloj en la novaj sendependaj afrikaj ŝtatoj kontribuos al ili akiri siajn fundamentajn homajn rajtojn kaj liberecon de informado.

Kiaj estas la aspektoj de la informado kaj ties disvolvigo aŭ aplikado en la novliberiĝintaj kaj postrestiĝintaj afrikaj fandoj? Kiaj estas la taskoj? Unuaranga estas la helpo por disvastigo de jam ekzistantaj kaj funkciantaj naciaj informagentejoj; la kreado de novaj agentejoj kaj ties ekipado per modernaj teknikaj informiloj kaj aparatoj; la kreado de reto da informstacioj, kio permesos la regulan kaj ĝustan informon de la loĝantaro kaj plibonigon de ĝiaj internaciaj interrilatoj.

Estas necesa internacia teknika helpo al la informagentejoj. La helpo de specialistoj ankaŭ estas necesa, por ke la informado ne estiĝu senzacia, sed celkonforma, pritraktanta la naciajn kaj la internaciajn problemojn laŭ la principoj de la paca kunvivado, kunlaborado kaj konkurado de la diversaj soci-ekonomiaj sistemoj.

La gazetaro en la supremenciitaj landoj havas kiel sian ĉefan taskon batali kontraŭ la analfabetismo; kontraŭ diversaj nesciencaj antaŭjuĝoj, kontraŭ la apolitismo de la loĝantoj. Ĝi devas kontribui por la plialtiĝo de ilia kulturnivelo, por la ekonomia prospero de tiuj landoj, por la forigo de la malsato, de la malsanoj kaj de la malriĉeco de tiuj popoloj.

Oni menciis al la du okazintaj konferencoj de UNESKO la celkonformecon krei regionajn nacilingvajn periodajn eldonaĵojn por la ĵus alfabetiĝintaj loĝantoj en la menciitaj regionoj, por ke ili povu kompreni la edukadon, la instruadon kaj la diversflankan politikon de iliaj registaroj. Tiaj eldonaĵoj periodaj helpos ilian klerigadon laŭgrade kaj tiamaniere vere kontribuos al la batalo kontraŭ la analfabetismo kaj al la altiro de tiuj grandegaj homamasoj al aktiva socia, konstrua kaj politika vivo.

Gravan rolon por la efektivigo de tiuj ĉi celoj povas ekludi samgrade la radiodissendoj, la kinematografio kaj la televidaj servoj. Malgraŭ la plorindaj faktoj, anoncitaj en la antaŭaj konferencoj okazintaj en Azio kaj Sud-Ameriko (en dispono de 1000 loĝantoj de tiuj regionoj estas 1 gazeto ĉiu-

taga, 2 radioaparatoj; 70% de la loĝantaro en la tuta mondo estas senigita de rimedoj por informado), oni tamen devas klopodi kaj disponigi internacian helpon por provizi modernajn presojojn kaj organizi eldonejojn naciajn por ke la nacilingva literaturo kaj klerigado disvolviĝu libere kaj fruktodone.

Dum la konferenco en Santiago j. k. oni donis la ideon organizi regionajn filmotekojn kun kulturklerigaj, popularsciencaj filmoj, kiuj povas esti ege efikaj rimedo kaj helpilo de la instruistoj en ilia kulturkleriga agado.

Interesa estas la fakto, ke rilate la lingvoproblemon por la sudamerikaj landoj, la konferenco en Santiago rekomendis la lingvon hispanan kiel komunan lingvon por la popoloj en Sud-Ameriko, kie oni parolas samtempe la francan, anglan, portugalan k. a. lingvojn.

Estas necese klarigi la direkton de la disvastigo kaj plibonigo de la informado en la menciitaj landoj kaj la taskojn de TEJA-anoj, en tiu rilato. Ni, ĵurnalistoj-esperantistoj, devas ĉiam konsideri la principojn de demokratia, libera, ĝusta kaj krea internacia informado, kiu servu al la homara progreso, al la interpopola amikeco kaj interkompreniĝo, al la paca kunvivado kaj kunlaborado inter la popoloj de la terglobo.

Ĉu per nia TEJA, ĉu per la naciaj unuiĝoj ĵurnalistaj aŭ individue, ankaŭ ni TEJA-anoj, laŭ niaj eblecoj, ne povus helpi por la solvo de la problemoj pri la disvastigo kaj pri la pliboniĝo de la informado en la postrestintaj regionoj de la mondo?

Ni — TEJA-anoj, havas ankaŭ alian taskon — klopodi por la enkonduko de Esperanto en la kultursocian vivon kaj agadon de la novliberiĝintaj ŝtatoj en Afriko, Azio, Sud-Ameriko kaj en la tuta mondo kiel samvaloran lingvon helpan al la loĝantoj en tiuj regionoj de la terglobo. Kial, do, oni emas serĉi komunan lingvon el la naciaj lingvoj, kiam la homaro jam posedas tiun belegan kaj mirindan helpilon — Esperanton? Ni klopodu, ke Esperanto estu enkondukita en la radiodissendojn, en la gazetaron, en la televidon samgrade kiel ĉiuj aliaj lingvoj naciaj, ke la ĵurnalistoj utiligu en sia laboro la Internacian lingvon!

Per nia ĵurnalista agado, per niaj esperantaj eldonoj, per niaj personaj kontaktoj kun fremlandaj ĵurnalistoj kaj institucioj ni povus efektivigi kaj fruktodone kontribui al la propagando kaj la aplikado de Esperanto en la novaj liberaj junaj ŝtatoi.

Ni apliku niajn esperantajn fortojn al la honora kulturkleriga agado en la postrestintaj landoj en la tuta mondo!

D. HITROV,
Sofia, Bulgario



*Vidaĵo da la bela kaj pitoreska bulgara urbo Târnovo*

# NIA ANKETO!

## KIEL NI DEVAS AGI?

*En la lasta n-ro de „Internacia Ĵurnalisto" estas represita la artikolo de Ida Lisiĉnik el Sovetunio titolita „Ni mem kulpas". La artikolo estas tre interesa kaj starigas gravajn problemojn antaŭ la ĵurnalistoj-esperantistoj, antaŭ ilia fakorganizo— la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio Vere, troviĝas ankoraŭ kaj multaj ĵurnalistoj en la mondo, kiuj scias nenion pro nia jurnalista kunlaborado pere de Esperanto, kiuj aŭdis nenion aŭ preskaŭ nenion pri TEĴA, pri ĝia agado, pri ĝia organo „Internacia Ĵurnalisto". Estas tiaj ĵurnalistoj en diversaj landoj, kiel la eminenta soveta ĵurnalisto kaj verkisto N. Gribaĉov, kiuj multe vojaĝas ĉirkaŭ la terglobo kaj ne konante bone la aferon, ne informitaj bone pri Esperanto-movado, povus diri: „La homaro ankoraŭ ne posedas internacian lingvon. Esperanto ne pravigis la esperojn de la homaro".*

*Ĉu tiu aserto estas justa? Ĉu Esperanto fiaskis?*

*Kompreneble, ne estas justa? Esperanto vivas, la Esperanto-movado prosperas en internacia skalo, akiras novajn sukcesojn. Sed tamen estas vero, ke ankoraŭ ekzistas verkistoj, ĵurnalistoj, scienculoj, pedagogoj ktp. kiuj scias nenion pri la Internacia Lingvo, pri nia movado, pri nia peresperanta ĵurnalista interkunlaborada ktp.*

*Kaj pri tio ni nem kulpas. Kial? Kion ni-esperatistoj — devas fari por eviti la miskomprenon pri Esperanto, pri nia movado, pri nia afero?*

*Kion ni—esperantistoj-ĵurnalistoj,ni-TEĴAanoj, devas entrepreni tiurilate por klarigi almenaŭ al la ĵurnalistoj kaj publicistoj kiel staras la afero.*

*Jen la senco kaj la celo de nia enketo.*

*Ni varme invitas ĉiuja TEĴA-anojn kaj aliajn kolegojn respondi al la enketo de „Internacia Ĵurnalisto", diri sian opinion pri la starigita problemo, doni rekomendojn al la Estraro de TEĴA, al ĝia organo por estonta propaganda laboro.*

*La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" atendas amase artikolojn, respondojn, rekomendojn, proponojn, notojn ktp.*

**La Redakcio**

## Anoncetoj

* En la fino de la pasinta jaro la italaj ĵurnalistoj akiris 18 procentan pliatigon de siaj salajroj. Tiun sukceson ili atingis pere kaj rezulte de dutaga striko. Per la striko ili embarasis la laboron de gazeteldonejoj, telegrafaj agentejoj, radio-kaj televida retoj. Strikis proksimune 11,000 ĵurnalistoj kaj eldonejaj oficistoj.

* La registaro de Peru malpermesis la agadon de la Kuba telegrafa agentejo „Prensa latina", kies branĉo laboras en Lima ek de julio 1959 jaro. Oni kulpigis la agentejon, ke dissendas informojn kun „tendenca revolucia karaktero". kiuj estas „ofendaj" por ŝtato Peru.

* S-ano N. Kavenius el Turku, Finnlando, publikigis en la finna gazeto „Uusi Päiva" (Nova Tago) artikolon, en kiu li favore citas la gravan rolon de la gazeto „Nuntempa Bulgario", aperanta ankaŭ en Esperanto. Krome, li tradukis el „N. B." informojn pri Varna—havena kaj somerumeja urbo ĉe la Nigra Maro.

* La bulgara ĵurnalisto As. Grigorov—redaktoro de „Nuntempa Bulgario", kaj la soveta poeto kaj ĵurnalisto K. Gusev rezultodone kunlaboras kiel ĵurnalistoĵ kaj poetoj. Ili kolektive tradukis per la helpo de Esperanto en rusan lingvon la versaĵon „Vojo al la altaĵoj" de la elstara bulgara poeto Mladen Isaev. La truduko aperis en la grava soveta gazeto „Pravda", organo de CK de la Komunista partio de Sovetunio.

## NI FUNEBRAS

*Tre malfrue atingis nin la sciigo, ke la 27-an de novembro 1960 jaro subite mortis SERGEJ VASILIEVIĈ SARIĈEV, veterano de la Esperanto-momo-vado en Sovet-Unio.*

*Dum la lastaj jaroj S. V. Sariĉev aktive agis kiel membro de TEĴA. Ekde 1925 jaro li iniciatis kaj gvidis la ruslingvan bibliografian bultenon „Esperanto v sovetskoj peĉati" („Esperanto en la soveta gazetaro"), kiu aperis regule monate.*

# Niaj kolegoj rakontas...

## KIEL MI LABORAS

Ĵurnalisto-esperantisto, TEĴA-ano, povas kun multaj diversaj manieroj fari samtempe propagandon por nia kara lingvo profitante sian propran laboron en la loka gazeta redakcio.

Nature TEĴA-ano povas esti tute pasiva rilate la esperanto-laboron. Li opinias, ke sufiĉas al li nur pagi sian kotizon. Espereble estas tiaj membroj de la Asocio.

En mia profesia okupo mi ofte trovas Esperanto-korespondaĵojn kiel taŭgajn materialojn por uzi ilin es nia gazetaro. Sed samtempe mi havas okazon propagandi nian lingvon.

Skribante ĉi tiujn liniojn mi ĵus vidis en la japana revuo „OOMOTO", ke en Tokio okazos la 6-a kongreso kontraŭ A kaj H-bomboj. La kongreson partoprenos ĉ. 20000 personoj kaj antaŭ la kongreso en Japanio okazis grandioza 10000 kilometra manifestacia marŝo. Ĉar neniu nialanda gazeto ĝis nun sciis pri tio, aŭ almenaŭ ne rakontis pri ĝi, mi decidis aperigi la novaĵon, eĉ skribi artikolon pri la granda kontraŭmilita demonstracio, menciante, ke la informon ni ricevis rekte per sendita esperantogazeto el Japanio.

Nian urbon vizitis du eminentaj esperantistoj, samideanoj Tibor Sekelj kaj Eizo Itoo, redaktoro de la revuo „Oomoto". Mi havis okazon aperigi intervjuon kun la ambaŭ esperantistoj, tre interesan por nia legantaro, krom tio mi facile skribis aldone kelkajn vortojn pri la Interancia Lingvo. Uzante miajn rilatojn kun la loka ĵurnalistaro, mi instigis la aliajn lokajn gazetojn intervjui la gastojn, eĉ mi sukcesis organizi elsendon de eldiro per la loka radio. Nature mi parolis ankaŭ pri Esperanto kaj pri la laboro de la ĵurnalistoj-esperantistoj.

El „Nuntempa Bulgario" kaj kelkaj Esperanto-gazetoj mi kelkfoje tradukis ion por nia gazeto. Per tio mi propagandas la utilecon de Esperanto kaj helpas ankaŭ la redakcion de „Nuntempa Bulgario", kiu en sia lando povas montri, ke ĝiaj artikoloj aperas en aliaj, malproksimaj landoj.

Kelkfoje mi skribis al alilandaj legacioj en nia ĉefurbo, petante gazetmaterialojn precipe en Esperanto, ĉar iliaj naciaj lingvoj estas nekonataj en nia lando. La petojn ĝenerale oni plenumas. Nia gazeto ricevas tian materialon kaj la legacioj post tio rapoltas al siaj aŭtoritatoj pri la rezulto.

Oni povus rakonti ankoraŭ aliajn ekzemplojn. Esperantista jurnalisto efektive povas agadi per diversaj metodoj, se li nur deziras. Per sia ĉiutaga redakcia laboro ni devas helpi aukaŭ nian movadon.

Tielmaniere ni faros propagandon de nia lingvo, interesigos pli multe da homoj de la literatūro, gazetaro, scienco, politiko k. a. pri Esperanto kaj Esperanto-movado, pri TEĴA kaj aliaj fakaj Esperanto-organizoj.

Do, jen mia respondo al la organizita de „Internacia ĵurnalisto" enketo. Unue—ni devas individue aŭ kolektive apliki Esperanton en nia ĉiutage profesia, asocia, privata kaj alia laboro kaj due—montri al la socio la rezultojn de tiu nia laboro. Ni propagandu tamen sen vana bruo.

Estus interese aŭdi la opiniojn de aliaj kolegoj pri tiu problemo, ekscii kiel ili laboras, ŝanĝi sperton ktp.

**N. Kavenius, Finnlando**

---

## REDAKCIA POŜTKESTO

*En la redakcio estas ricevataj multaj leteroj, per kiuj la legantoj de „Internacia ĵurnalisto", membroj de TEĴA kaj neorganizitaj ĵurnalistoj-esperantistoj starigas diversajn demandojn, interesiĝas pri la diversflanka agado de nia asocio. La redakcio klopodas respondi al ĉiuj leteroj. Sed tio forrabas grandan tempon de la redaktoro. Pro tio la redakcio de „Internacia ĵurnalisto" petas siajn legantojn turni sin ankaŭ al la komitatanoj kaj la reprezentantoj de TEĴA en siaj landoj, kiuj ankaŭ povus doni respondojn pri diversaj organizaj kaj aliaj demandoj. Ili povas sin turni ankaŭ al la Prezidanto kaj la Sekretario de TEĴA, kies adresojn oni ĉiam povas trovi sur la lasta paĝo de la organo.*

# LINGVOSCIENCO, NUNTEMPO KAJ KIBERNETIKO

Lastatempe oni turnas seriozan antenton al la kompleksa esploro de vico da gravaj problemoj el la sfero de la sciencoj. La strebo pri unuigo de multe da sciencoj por solvo de komplikaj taskoj, intime ligitaj kun la praktiko, estas provigata. La rolon de la unuigilo de la diversaj sciencaj disciplinoj ludas — kiel oni akceptas — la kibernitiko, kiu invadas ankaŭ en la regionon de la lingvoscienco. La membrokorespondanto de la Bulgara Akademio de la Sciencoj, laŭreato de Dimitrova premio kaj vicprezidanto de la Internacia Komitato pri slavistiko—prof. Ivan Lekov, jen kiel respondas al iuj demandoj pri tiu problemo.

— Ĉu Vi provas rakonti ion pri la nuntempaj direktoj de la lingvoscienco?

— La lingvoscienco, kvankam socia scienco, ankaŭ estas influata de la progreso de la matematiko kaj pli speciale—de la matematika logiko. La statistika esploro de la fenomenoj en la lingvo, la teorio pri la informado kaj pri la probablecoj ktp. pli kaj pli altiras la atenton de la lingvistoj el ĉiuj landoj. La proksimiĝo de la lingvoscienco kun la matematiko estas nek hazarda, nek subita. Ankoraŭ en la periodo inter la Unua kaj la Dua mondmilitoj sin anoncis la Praga lingvistika rondo, kiu sur slava grundo kreis la fonologion, kiel filion de la struktura lingvoscienco.

Tiu ĉi nova branĉo de la linvoscienco nun evoluas tre sukcese precipe en Sovet-Unio en ligo kun la maŝin-tradukado, kun la konstruo de diversaj semantikaj, komandaj kaj informantaj iloj, aparatoj ktp. Antaŭ la lingvoscienco malkovriĝis novaj vastaj horizontoj. Nun estas necese, ke oni esploru per pli precizaj matematikaj metodoj la strukturon de nia (bulgara) lingvo kaj de la slavaj lingvoj. Estas necese ankaŭ, ke oni malkovru la determinecon kaj la nedeterminecon de la fenomenoj en la bulgara lingvo, ke oni notu la fundamentajn ecojn de la bulgara vorto, ĝian kompreneblecon kaj simptomojn de superfluo ktp. Por tiu ĉi estas necesa tamen la kunlaborado de specialistoj ankaŭ de la aliaj sciencoj. Samtempe neniam alifoje (kiel nun) la neceseco de internacia, scienca kunlaborado ne estis tiom forte sentata. Kune kun tio elstaras ankaŭ la demando pri la internacia scienca konkuro. La marksisma lingvoscienco havas la avantaĝojn, ĉar ĝi estas laŭ temo vasta, largampleksa kaj metodologie celkonforma. Tute argumentite oni povas kosideri, ke ĝuste en Sovet-Unio la praktika kune kun la tradicia lingvoscienco akiros plej bonajn kondiĉojn por disvolviĝo kaj kontribuos por la perfektiĝo de la lingva teorio.

Kiel gvidanto de la katedro pri slava lingvoscienco en la Sofia Universitato kaj de la sekcio pri slava lingvoscienco en la Bulgara Akademio de la sciencoj, lastatempe mi gvidas miajn kunlaborantojn al esploro de la strukturo de la slava vorto. La sekvontaj esploroj estos direktataj al la pliriĉigo de la tematiko de la speciala sekcio pri priskriba tipologia kaj praktika slava lingvoscienco dum la proksima Kvina kongreso de Slavistiko en Sofio en 1963 jaro.

— Kia estas la senpera apliko en la praktiko de tiuj esploroj?

— Ĉiuj ĉi esploroj estas en intima ligo kun aŭtomatigo. La struktura lingvoscienco stariĝas la ĝeneralajn determinecojn inter la naturaj kaj artefaritaj lingvoj kaj tiurilate ĝi similas al la kibernetiko. Oni kreas universalan lingvon, la tiel nomata peranto ĉe la maŝinaj tradukoj. Tio estas la praktika valoro de la struktura lingvoscienco, kiu konstruas formalajn modelojn de la lingvo. Ĝi ludas esencan rolon en la proceso de la direkto de la maŝinoj. La tasko de la lingvoscienco estas pli speciala—krei la abstraktan ĉifron de la natura lingvo—ĉifron, alireblan por la maŝinoj, per kiu ĝi povas akcepti la logikajn komandojn kaj doni informon. Estas klare, se la esploroj estas de decida signifo ĉe la kreo de memregistraj, legantaj, informantaj maŝinoj, stenoaŭtomatoj, tiel ankaŭ plej malsamaj maŝinoj de granda ŝtata kaj ekonomia signifo.

La praktika studado de la struktura lingvistiko estas ankaŭ en ligo kun la nevrologio. La strukturo de la homa cerbo, kiu nombras kelkajn miliardojn da nevronoj, servas, kiel konate, kiel ricevilo, konservanto, plilaboranto kaj transmisio de la sennombraj informoj. La strukturo kaj la funkcioj de tiu organo de pensado kaj parolo estas

Daŭrigo sur p. 6

## EL „PLUK„

de Poul Thorsen

### Tutmonda plago

La kosmopolita kanzono refrena
similas al vero pograndmagazena:
Se l'teksto hazarda proprecon posedas,
tuj oni kvazaŭ pro ĝi pardonpetas.
La samaj dolĉaj parafrazoj
plorgutas el la samaj nazoj
kaj gurdas preskaŭ ĝis grotesko
pri la dumviva adolesko.

### Afriko

La trakto en novaj landoj
al blankaj, pli fruaj regantoj
laŭ plene egalaj reguloj
estas pli ol meritas blankuloj.

### Rasismo

Minacas al blankaj sinjoroj insido
kaj gluto en flamoj el feŭko,
ĝis ili komprenas, ke homa kvalito
ne havas rilaton al haŭto.

### Neverŝajne

Ĝis nun mankas en la gazetaro
sensacio per granda litero:
ĵurnaliston dum freŝa ekfaro
oni kaptis pro skribo de vero.

### Subita dudo

Ĉu poeto
aŭ nura rimisto?
Ĉu soneto
aŭ pura vortlisto?

### Ekzistencialismo?

La cerbo konfuze rezistas
pensumi ekzistenciale:
Se neekzisto ekzistas,
ĉu ni do ekzistas — aŭ male?

---

Daŭrigo de p. 5

ankaŭ obekito de kompleksa esploro, en kiu partoprenas ankaŭ la lingvistoj. En la komuna laboro de malsamaj specialistoj reliefiĝos la ebleco stariĝi la grado kaj la sinmemregulantaj maŝinoj.

Red. rim. La problemo, kiun tuŝas la bulgara lingvoscienculo estas tre grava. Dezirinde estus, se ankaŭ aliaj fakuloj-sciencuIoj eldiros sian opinion sur la paĝoj de „Int. Ĵurnalisto". koncernante ankaŭ Esperanton.

# NIA SPERTO

## FONDITA ĴURNALISTA SEKCIO EN KRAKOW, POLLANDO

En la pollanda urbo Krakov estas fondita ĵurnalista sekcio ĉe Krakova filio de Pola Esperanto-Asocio. La 13-an de januaro j. k. okazis organiza fakkunveno. Oni elektis kiel estraranojn: prezidanto — s-ano red. Zdzistaw Wojcikiewicz, vicprezidanto — s-ino red. Irena Szczepańska-Walles, sekretario — s-ino red. Danuta Jakubiec.

Al la sekcio ĝis nun aliĝis 17 profesiaj ĵurnalistoj kaj publicistoj de la gazetaro, radio kai eldonejoj. Ĉi kune ni sendas al la redakcio de „Internacia ĵurnalisto" la nomaron kaj adresaron de niaj sekcianoj.

La programo de nia agado estas jena:

— kunlaboro kun la redakcio de esperantaj disaŭdiĝoj ĉe Pola Radio, kun „Pola Esperantisto" kaj ankaŭ kun eksterlandandaj esperantaj ĵurnaloj kaj revuoj;

— publikiĝo de diversaj materialoj en polaj gazetoj, revuoj kaj disaŭdiĝoj per la radio;

— presiĝo de propraj eldonaĵoj (jam aperis unu — la pola esperanta albumo sub titolo: „El vojaĝo tra la mondo", la dua estas pretata);

— kunlaboro kaj interŝanĝo de diversaj materialoj kun ĵurnalistoj-esperantistoj de aliaj landoj;

— kunlaboro kun la Krakova filio de Tutlanda ĵurnalista Asocio (ni jam komencis ĉi tiun kunlaboron);

— partopreno en kongresoj (ĉi jare en Tutlanda Kongreso de PEA en Wroclaw—en la komenco de majo; nia intenco estas ankaŭ ke niaj reprezentantoj partoprenu la 46-an Univ. Kongreson en Harrogate, Anglio; por tiu ĉi kongreso ni preparas specialan prelegon pri la 300-jara datreveno de la pola gazetaro);

— organizi vastan propagandon per afiŝoj, fotografaĵoj, vitrinoj ktp.

Ni intencas organizi similajn sekciojn de ĵurnalistoj-esperantistoj en ĉiuj distriktoj de Pollando.

Prezidanto: Z. Wojcikievicz
Sekretario: D. Jakubiec

**La Estraro de TEĴA kun ĝojo renkontis la sciigon pri la novefondita ĵurnalista sekcio en Krakow. Salutante elkore la sekcianojn, la Estraro bondeziras al ili modelan kaj fruktodonan laboron sur la peresperanta ĵurnalisa kampo.**

**Ni esperas, ke sur la paĝoj de „Internacia ĵurnalisto" aperos informojn pri la laboro kaj sperto de la Krakova ĵurnalista sekcio.**

Estraro de TEĴA

# KLUBOJ DE INTERNACIA AMIKECO

Grandaj problemoj de la batalo por paco kaj amikeco, por senarmigo, kontraŭ nukleaj armiloj kaj ĝenerale por kunekzisto de divers-socisistemaj ŝtatoj estas grava tasko por ĉiuj popoloj, por ĉiuj konsciaj iliaj reprezentantoj. Kaj tiu grava tasko estas ĉiutaga bezono kaj okupo por ĉiu konscia ordinara homo. Precipe grandan agprogramon tio prezentas por ĉiuranga ĵurnalisto. Kaj por ĵurnalistoj-esperantistoj tio faras la ĉefan enhavon de tuta ilia laboro. Ili devas ekscii, pristudi kaj priskribi por montri al ĉiuj interesatoj la plej bonajn kaj sukcesajn specimenojn de tiaspeca laboro.

Multaj homoj okupiĝas en sia libertempo pri internaciaj kromokupoj. Multaj interesokupoj trafluas kiel etaj fontoj la diversnaciajn terenojn kaj homkorojn, kreante novan praktikon kaj teorion de la interpopolaj ligoj, kreante novan „popolan diplomation". Kaj nun aperas interesaj ekprovoj unuigi tiujn fontojn en pli potencajn riverojn de la popola iniciativo. Unu el la formoj de tiaspeca agado estas organizado de „Internaciaj kluboj de amikeco" aŭ „Kluboj de internacia amikeco".

Kolektado de poŝtmarkoj unuigas diversnaciajn entuziastojn en interŝanĝo de malgrandaj paperaj afranksignoj, kiuj prezentas interesan etan plakaton de nacia arto, kulturo, historio, aspiroj, vivmaniero. La saman signifon havas la interŝanĝo de alumetetikedoj kaj diversaj aliaj etikedoj. La kolektado de artaĵoj en formo de bildoj, gravuroj, reprodukcioj, plakatoĵ aŭ poŝtkartoj faras la saman servon. Interŝanĝo de fotoj, floroj, semoj, infandesegnoj proksimigas la homojn. Internaciaj korespondaj ŝakludoj de la entuziantoj, mallongondaj radio-amatoraj interparoloj, studo kaj praktika apliko de fremdaj lingvoj, interŝanĝo de lernolibroj en diversaj lingvoj, kolektado de diverslingvaj eldonaĵoj de la sama beletra verko, kolekto de gramofodiskoj kaj sonbendoj ricevataj de diversnaciaj amikoj — ĉio ĉi proksimigas la popolojn. helpas al ili ekkoni pli profunde la „koron" kaj vivmanieron de la eksterlanda kolego. Ĉion ĉi finpoluras la laboro de ĵurnalisto, priskribanta en nacia gazeto la atingojn, sukcesojn kaj ricevojn de la agantoj, aktive partoprenantaj en la laboro de la klubo.

Tiu ĉi laboro de la esperantisto-ĵurnalisto diskonigas la sukcesojn laŭ la kanaloj de la internacia esperantista gazetaro. La laboro vastigas la utilajn ligojn.

Tiaj kluboj jam aperis en kelkaj superaj kaj mezaj lernejoj de USSR (Ĉelebinsk, Taŝkent, Belgorod, Hmelnickij, Minjkovsci k. aliaj).

Kaj certe nia internacia esperantista ĵurnalistaro devas tutforte subteni kaj disvastigi la valoran iniciaton de la entuziastoj, kiujn taskojn oni devas starigi antaŭ ĉio! Krei similajn organojn en la Varna Internacia Ĵurnalista Ripozdomo kaj en la Moskva Domo de Ĵurnalisto (Suvorovskij bul. N-r 8-a).

La ĵurnalistoj devas multobligi artikolojn, eseojn, raportaĵojn kaj aliajn materialojn por vasta diskonigo de sperto de avangardanoj. Ili sendu al la nomitaj adresoj siajn materialojn, petojn kaj demandojn ĉiam, seninterrompe. Tielmaniere la homoj, administrantaj la ĵurnalistejojn mem zorgus pri trovo de tradukistoj kaj pri konvena eluzo de la materialoj. Ilia intereso al Esperanto plialtiĝos.

Estus necese kaj dezirinde ke „Internacia Ĵurnalisto" publikigu la adresojn de la diversnaciaj ĵurnalistoj kaj unuavice—tiun de l'Varna ripozdomo.

**N. F. Danovskij**, Moskva

---

## LA UNIVERALA ESPERANTO-ASOCIO KANDIDATO POR LA NOBEL-PACPREMIO 1961

Ĝojinde estas, ke pluraj ministroj, deputitoj de naciaj parlamentoj, filozofoj, historiistoj, profesoroj de internacia juro aŭ politikaj sciencoj kaj aliaj elstaraj personoj de dudeko da landoj farls proponon al la Nobel-Komitato en Oslo, Norvegio, ke la Universala Esperanto-Asocio, kiel organizaĵo reprezentanta la tutmondan movadon por komuna internacia lingvo, ricevu la Nobel—Premion por la paco por la jaro 1961. Evidente, la multnombraj proponintoj havas rajton. Ili motivigis sian proponon per la konsiderindaj sukcesoj kaj rezultoj, kiujn akiris UEA en sia nobla celo—interkompreniĝo kaj proksimiĝo de la popoloj, la triumfo de la tutmonda paco. Al la propono oni aldonis abundan dokumentan materialon, per kiu oni prezentas la personecon de D-ro L. L. Zamenhof kaj la diversflankan agadon de UEA, de la tutmonda Esperanto-movado ktp.

## *ESTRARO DE T. E. Ĵ. A.*

*Prezidanto — Olav Thormodsen, Box 132, Haugesund, Norvegio.*

*Vicprezidanto — Niilo Kavenius, Niklaksenkatu 10/14, Turku 9, Finnlando.*

*Sekretario-kasisto — Prof. D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Cittadella (Padova), Italio.*

*Redaktoro — Ivan Keremidĉiev — Esperov, bulv. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario.*

*Membroj: Takaĉ Zeljko, Boŝkoviĉeva 24, Zagreb, Jugoslavio, kaj Jerzy Grum, Matejki 16/8, Wroclaw, Pollando.*

## *KOMITATANOJ DE T. E. Ĵ. A.*

*Ĉinio — Shi Si-wei, ĵurnalista fako, Pekina Universitato, Peking.*

*Danlando — G. N. Jepsen, Skovvangen 17, Silkeborg.*

*Rumanio — Stefan Freamat, strato Gabriel Peri 4, Bucureşti.*

*Sovet-Unio — N. F. Danovskij, Paseĉnaja 4 a, kv. 11, Moskva A-8 (nova adreso).*

*Vjetnamio — Dào-anh kha, Nô Quôctê-nou Bv Viet-nam, Hanoj (via USSR).*

*Izraelo — Oskar Berman, 6, Kikor Malchaj Israel, Tel Aviv (nova adreso).*

*Svedio — Karen Salmose, Stallgatan 1, Ystad.*

*Hindio — Suderio Butteno, Alaski Plots, Avola (Vidarbha).*

*Indonezio — Ch. Sj. Datoe Toemenggoeng, Pintu Besi 39, Djakarta*

*

— Membroj de TEĴA, por ke la Asocio povu regule kaj fruktodone funkcii kaj labori ni devas ĝin subteni finance. Teĵanoj, kiuj ankoraŭ ne pagis la membrokotizon por la pasinta kaj la kuranta jaroj, bonvolu tuj pagi la membrokotizon al la Sekretario-kasisto aŭ al la redakcio de „Internacia ĵurnalisto".

## GRAVA SCIIGO POR LA MEMBROJ DE T. E. Ĵ. A. KAJ LA LEGANTOJ DE „INTERNACIA ĴURNALISTO"

*La estraro de TEĴA kaj la redakcio de „Internacia ĵurnalisto" kun ĝojo sciigas al ĉiuj membroj de TEĴA kaj al ĉiuj legantoj, ke dum tiu ĉi jaro kaj estonte la organo de TEĴA aperos regule ĉiudumonate. Por la celo estas subskribita speciala kontrakto kun la presejo. Estas aĉetitaj novaj presliteroj. Le redakta kolegio estas plilarĝigita. Tiu fakto estas grava sukceso de nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio.*

*„Internacia ĵurnalisto" estas bonega organizilo kaj informilo de nia Asocio. Nun estas necese likvidi kun la malregula kunlaborado al la organo. Ĉiu membro de TEĴA devas havi kiel sian plej gravan kaj respondecan devon regule kunlabori al „Internacia Ĵurnalisto".*

*Ni—ĉiuj TEĴA-anoj — devas nepre plibonigi nian organon, plilarĝigi kaj plivariigi ĝian enhavon. Do, la redakcio atendas senpacience la regulan kunlaboradon de siaj legantoj. Karaj TEĴA-anoj kaj amikoj de nia asocio, de nia presorgano! Sendu sen invito artikolojn, informojn, sciigojn, eseojn, raportojn kaj belartajn materialojn pri la laboro de la ĵurnalistoj-esperantistoj, pri ilia agado kaj kunlaborado, pri diversaj ĵurnalistaj kaj sosiaj problemoj ktp. Por plibonigi la enhavon de „Internacia ĵurnalisto" la redakcio necesas abundan materialon.*

*Dua grava tasko de la TEĴA-anoj: ni ĉiuj devas apogi materiale, finance la eldonadon de nia organo. Tion la redakcio ne povas fari per nuda entuziasmo. Do — plenumu vian devon: pagu regule vian membrokotizon, kiu estas nur unu usona dolaro aŭ la egalvaloro en alia valuto. Krom tio, sendu vian kontribuon por la fonduso „Internacia ĵurnalisto" en mono, libroj kaj aliaj valorajoj. Ĉiu TEĴA-ano devas doni sian kontribuon por la fonduso. Ne atendu inviton pri tio!*

*La Estraro de TEĴA*
*La Redakcio*

*Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*